


# AGADO

DE ESPERANTISTA GRUPO
ĈE MěstOB EN JIHLAVA
DECEMBRO 1961 N-ro 6

## *FELIĈON KAJ PACON EN LA NOVA JARO*

Vintra ĉarmtago en Jihlava (MUDr F. Kubica)

Schůzky esperantského kroužku DK-ROH v Jihlavě konají se pravidelně každou středu od 18. do 22. hod. v Domě kultury ROH, Tolstého č. 2, 3. posch. v klubovně č. 133.

Kunvenoj de Esperanto-grupo en Jihlava okazas ĉiumerkrede ek de la 18-a ĝis 22-a horo en Dům kultury ROH, Tolstého 2, en 3-a etaĝo klubejo 133.

- LETERVESPERO de ĉiuj Esperantistoj en Jihlava okazos merkrede la 28-an de marto 1962. Salutkaroj aŭ leteroj petataj. Respondoj garantiataj.
- Nia adreso: Dům kultury ROH, esperantský kroužek, Tolstého 2, Jihlava.

50 JAROJ DE ESPERANTO — MOVADO EN JIHLAVA

Esperantista grupo ĉe MěstOB en Jihlava eldonis en decembro 1961 glumarkojn okaze de la 50-jara ekzisto de Esperanto en Jihlava. Ili samtempe memorigas la 5-an datrevenon de fondiĝo de Esperantista grupo ĉe MěstOB en Jihlava. La glumarkoj estas presitaj en blokoj po 4 pecoj kun kadro en 4 diversaj koloroj. La tuta serio (4 kvarblokoj) kostas Kčs 1,— aŭ unu respondkuponon. Mendeblaj ĉe Frank Tichy, poŝtokesto 120, Jihlava. Pri ekzisto de Esperanto en nia urbo antaŭ 50 jaroj ni prezentos artikolon kun dokumentoj en venonta numero de AGADO.

La 17-an de okt. 1961 estis fondita Esperanta grupo en libropresejo Grafia en Jihlava. 10 gelernantoj vizitadas E-kurson.

9 geesperantistoj el la personaro de psikiatria resanigejo fondis la 7-an de dec. 1961 Esperanto-grupon kiun gvidas s-ano Hlávka. Ili kunvenadas merkrede unufoje post 14 tagoj ek de la 17-a ĝis la 19-a horo.

Připomínáme všem našim odběratelům, že AGADO není časopis, jak se mnozí domnívají, ale je neperiodický oběžník jihlavských esperantistů.

Nyní po zrušení MěstOB nalezli jihlavští esperantisté domov v nádherném, nově vybudovaném Domě kultury ROH (viz článek na 4. str.). AGADO bude nadále vycházet za spolupráce esperantského kroužku Rudého koutku ZV ROH Grafia n. p. Jihlava. Hlavním jeho účelem je jazykové zdokonalování našich členů. Svým obsahem je též vhodný jako kolektivní dopis a proto jej mnozí esperantisté odebírají ve více výtiscích a zasílají svým přátelům do zahraničí.

Do dnešního čísla přikládáme složenky na úhradu režijního příspěvku na vydávání. Nejmenší příspěvek při odběru jednoho čísla je 8,— Kčs za rok včetně poštovného. Při odběru více výtisků najednou na jednu adresu, přiložíme složenku ke každé zásilce, takže odběratelé mohou uhradit příspěvek vždy za jednotlivé zásilky. V tom případě 1 Kčs za jeden výtisk mimo poštovného.

Veškerou korespondenci řiďte na adresu Esperantský kroužek ZV ROH Grafia n. p., k ruk. s. Tyráčka, Srázná 17, Jihlava.

# LA IV-a TUTŜTATA FESTIVALO DE VOĈ-KREADO EN JIHLAVA

Pasintjare jam kvaran fojon apartenis la fino de novembro en nia urbo al kantistoj. Jam kvaran fojon fariĝis Jihlava la scenejo de festivalo, dum kiu eksonis pere de elstaraj grupoj kaj solistoj novaj kantoj de ĉeĥaj komponistoj. Kaj ni rajtas esti fieraj pri brilega resono, kiun havas niaj festivaloj en tuta lando. Ĉiujare kreskas la vicoj de eminentaj profesiaj kaj amatoraj kolektivoj, kiuj konsideras kiel honoron povi partopreni la festivalon. Ĉiujare venas al festivalo en Jihlava pli kaj pli da eminentaj gastoj. Nur rememoroj restis al komencaj malfacilaĵoj ĉe la akirado de elstaraj kolektivoj, ĉar ni sukcesis veki intereson de decidaj agantoj, akiri daŭran favoron de la publiko. Jihlavaj festivaloj gajnis por si honoran lokon inter tradiciaj kultur- politikaj aranĝoj en nia lando. Ĉijare dum preparlaboroj plene subtenis Domon de Klerigo en Jihlava la Centro de Popola Artkreado Praha kaj filioj de Asocio de ĉeĥoslovakaj Komponistoj el Praha kaj Brno. Ankaŭ jihlavaj amasorganizaĵoj, lernejoj, urba kaj distrikta naciaj komitatoj kaj precipe senĉese kreskanta nombro da aŭskultantoj kontribuas al sukceso de la festivalo.

Kaj kia estas la signifo de la Festivalo de Voĉ-kreado, sola tiaspeca festivalo en tuta respubliko? Gin montras eĉ fakto, ke ĉi-jare okazis dum festivalo ankaŭ tutŝtata seminario de ĥor-dirigentoj, kiun partoprenis membroj de centra konsulta organo por kantado, instruktoroj de ĥoroj de ĉiuj regionoj kaj metodikistoj de domoj de klerigo. La seminarion aranĝis la Centra Domo por Popola Artkreado, partoprenintoj vizitis ĉiujn festival-koncertojn, ili diskutis pri novaj komponaĵoj kaj en siaj prelegoj traktis la problemojn de nuntempa amasa kaj politika kanto kaj ĝia reprodukto. Per tio ĉio do helpas jihlavaj festivaloj al popola artkreado kaj eĉ al profesiaj ĥoroj. Ili instigas la grupojn al studado kaj interpretado de nuntempaj komponaĵoj, kiuj klare parolas pri aktualaj problemoj de la nuntempo. Kaj la komponistojn instigas niaj festivaloj komponi bonajn kaj teknike reprodukteblajn komponaĵojn eĉ por amatoraj grupoj. Al Jihlava do venadas ĥorestroj, komponistoj kaj fakaj kunlaborantoj por lerni, gajni spertojn kaj inspiron, kaj disvastigi novajn belajn kantojn en tuta nia patrujo.

Menciita festivalo entenis entute 5 koncertojn, kiujn partoprenis 10 kantĥoroj, Ŝtata filharmonio el Brno, kaj vico da konataj solistoj. Inter la ĥoroj estis ankaŭ tiuj, al kiuj aplaŭdis ĉijare rigardantaro eĉ eksterlande, en Anglujo, Francujo, Germanujo, Svisujo kaj aliaj landoj.

Robert Konopasek, direktoro de Domo de Klerigo.
(Tradukis F. Tichý.)

*Julie Šupichová*

# Mluvím esperantsky

*(Mi parolas Esperante)*

5-a daŭrigo

255. Musíte prokázat svou totožnost. — Vi devas legitimi vin.

256. Máte občanskou legitimaci? — Ĉu vi havas civitanan legitimilon?

257. Mohu toto odeslat jako tiskopis? — Ĉu mi povas tion ĉi forsendi kiel presajon?

258. Jaký je příplatek na dopis pro leteckou poštu? — Kia estas alpago (plipago) por aerpoŝta letero?

259. Mohl byste mi vyměnit stokorunu? Potřebuji drobné. — Ĉu vi povus ŝanĝi al mi centkronan bankbileton? Mi bezonas monerojn.

260. Kde se podávají balíčky? — Kie oni akceptas la sendon de poŝtpakaĵoj?

261. Prosím, nejsou tu dopisy na jméno A. B.? — Mi petas, ĉu vi havas leterojn, adresitajn al A. B.?

262. Máte nové známky s obrázkem Zamenhofa? — Ĉu vi havas la novajn poŝtmarkojn kun portreto de Zamenhof?

263. Chci poslat telegram se zaplacenou odpovědí. — Mi volas sendi telegramon kun pagita respondo.

264. Jaká je sazba za deset slov? — Kia estas la tarifo por dek vortoj?

265. Možno telegrafovat esperantsky? — Ĉu oni povas telegrafi en Esperanto?

266. To je již dávno povoleno. — Tio estas jam longe permesita.

267. Kde je nejbližší telefonní budka? — Kie estas la plej proksima telefona ĉelo?

268. V kavárnách a restauracích jsou bezplatné telefony k použití. — En kafejoj kaj restoracioj telefonejoj estas senpage uzeblaj.

269. Když se nikdo neozve, pověste sluchátko zase na háček. — Se neniu sin aŭdigos, rekroĉu la aŭskultilon.

ZÁBAVY. — AMUZOJ.

270. Co se dnes hraje v opeře? — Kion oni ludas hodiaŭ en la operdomo?

271. Dnes dávají Smetanovu „Prodanou nevěstu“. — Hodiaŭ oni ludas la Venditan fianĉinon de Smetana.

272. Pojďme tam! Dostaneme ještě lístek? — Ni iru tien! Ĉu ni ricevos ankoraŭ bileton?

273. V městě je několik zvláštních prodejen. — En la urbo estas kelke da specialaj biletvendejoj.

274. Kdy se otvírá hlavní pokladna? — Kiam oni malfermos la ĉefan kason?

275. Dejte mi dva lístky vedle sebe. — Donu al mi du sidlokojn unu apud la alia (najbarajn).

276. Kabáty si dáme do šatny. — La surtutojn ni deponos en la vestejo.

277. Už zvoní potřetí. — Oni sonorigas jam la trian fojon.

278. To dueto bylo mistrovsky zpíváno. — La dueto estis majstre kantata.

279. Toto drama jsem již několikráte viděl. — Ĉi tiun dramon mi jam kelkfoje vidis.

280. Je přestávka dlouhá? Mohli bychom se trochu projít. — Ĉu la interakto estas longa? Ni povus iom promeni.

281. Pojďme na koncert do zahradní restaurace. — Ni vizitu koncerton en ĝardena restoracio.

282. Ten koncert je pořádán ve prospěch dobročinného účelu. — Tiu koncerto estas aranĝata por bonfara celo.

283. Jak se vám líbí hlas té pěvkyně? — Kiel plaĉas al vi voĉo de tiu kantistino?

284. Je snesitelný, nijak zvláštní. — Ĝi estas tolerebla, tute ne eksterordinara.

285. Slyšíte? Hrají naši esperantskou hymnu. — Ĉu vi aŭdas? Oni ludas nian Esperanto-hymnon.

286. Chodíte rád do biografu? — Ĉu vi ŝatas viziti kinejon?

287. Vidím rád pěkné přírodní snímky a týdenní kroniku. — Mi ŝatas vidi belajn naturbildojn kaj semajnan kronikon.

288. Dnes hrají dobrý ruský film, ale, bohužel, vstupenky jsou již vyprodány. — Hodiaŭ oni prezentas bonan rusan filmon, sed, bedaŭrinde, la biletoj estas jam disvenditaj.

289. Kdy bude změna programu? — Kiam oni ŝanĝos la programon?

290. Česká kinematografie se rozhodně vzmáhá. — La ĉeĥa filmarto nepre progresas.

291. Učila jsem se rytmice u umělkyně N. — Mi lernis ritmodancon ĉe la artistino N.

292. Tančím rád - ne příliš - náruživě. — Mi ŝatas danci - ne multe - pasie.

293. Smím prosit? — Ĉu mi povas peti (vin)?

294. Děkuji vám, jsem již velmi unavena. — Dankon, mi estas jam tre laca.

295. Mohu vás prosit o příští tanec? — Ĉu mi povas peti vin pri la venonta danco?

296. Díky, ale jsem již zadána. — Dankon, sed ĝi estas jam rezervita.

297. To je opravdu škoda! — Vera domaĝo!

LÁZNĚ. — BANEJO.

298. Kde jsou nejbližší veřejné lázně? — Kie estas la plej proksima publika banejo?

299. Kolik stojí vanová lázeň? — Kiom kostas unu kuva bano?

300. Tato koupel je pro mne příliš studená. — Ĉi tiu bano estas tro malvarma por mi.

(Daŭrigota)

# LA NOVA KULTURCENTRO DE LABORISTOJ EN JIHLAVA



(LA ENIREJO DE LA DOMO DE KULTURO)

Jan Hrdlička, sekretario de la Kulturdomo.
(Tradukis F. Tichý.)

La Kulturdomo de Revolucia Sindikata Movado (ROH) en Jihlava estis la 30-an de dec. 1961 solene inaŭgurita. Malfermo de la Kulturdomo fariĝis unu el la plej gravaj politikaj kaj kulturaj okazaĵoj en vivo de la laboristaro de Jihlava kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. Vaste disvolviĝos la agado en sektoroj politike eduka kaj kleriga, kultura kaj socia. En sfero politike eduka kaj kleriga estos laborstrebado koncentrita al plua disvastigado kaj propagando de scienca mondkoncepto, al plialtigo de politikaj kaj fakaj scioj, al proprigo de progresemaj labormetodoj, al enkonduko de novaj tekniko kaj teknologio.

Agado de la Kulturdomo, la plej granda kultura instituto en la urbo, ekcelos grave kontribui al edukado de socialisma homo, influi la kulturan kaj socian vivon en la urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo, kaj tiel helpi al kontentigo de kulturbezonoj de la tuta loĝantaro pri finrealigo de la kultura revolucio. Plue agado de la Kulturdomo klopodos fariĝi centro por aktiva partopreno de laboristoj en disvolvigo de kultura vivo.

En la Kulturdomo estos vasta porinfana parto, kie laboros diversaj rondetoj, ekzemple: dramatika, marioneta, radioamatora, por modelistoj de aviadiloj kaj simile. Oni zorgos ankaŭ pri disvolviĝo de politeknika edukado de infanoj. En la porinfana parto estas moderne ekipita pupteatro por 140 rigardantoj, kie oni povos prezenti pup- kaj marionet-teatraĵojn.



En la Kulturdomo oni ankaŭ zorgos, ke la laboristoj en kadro de Popola Artkreado (LUT) mem kreu valorajn kulturprogramojn kaj ke disvastiĝu la membra bazo de la artgrupoj. Por tiu ĉi celo ĉiuj kondiĉoj estos preparitaj. En la Kulturdomo trovos lokon 17 klubejoj por plenkreskuloj, kie laboros grupoj kaj rondetoj de Popola Artkreado. En tiuj ĉi klubejoj oni kalkulas kun laborloko por plastikaj artoj (pentro-arto, skulpt-arto) kaj la fotoamatora rondeto kun laboratorio. Por celoj de la evoluo de tekniko kaj propagando de novaj progresemaj labormetodoj servos la produkt-teknika kabineto, kiu konsistas el lektora salono, kie estas eble projekcii mallarĝajn teknikajn filmojn, kaj pluaj studejoj.

Vastbaze oni laboros ĉi tie kun libro. En la Kulturdomo estas loko por librejo, enhavanta komence ĉirkaŭ 20 000 da volumoj, kaj por granda legejo. En ĉefa parto de la Kulturdomo estas teatra salono por 520 spektantoj, aranĝita samtempe por projekciado de larĝangulaj filmoj. En tiu ĉi salono okazos koncertoj de profesiaj kaj amatoraj muzik-ensembloj. Estos invitataj elstaraj muzikartistoj, solistoj de eminentaj oper-scenoj. Plue estas tie situita estrad-salonego por 800 rigardantoj, kiu servos por prezentado de kolektivoj de Popola Artkreado, de estrad-artistoj kaj ankaŭ por dancprogramoj. Salono por baleto, kiu apartenas al ĉefa kultura parto, servos por ekzercoj de dancgrupoj kaj grupoj de ritmiko.

La laboristoj de nia urbo tiel ricevas por sia uzo belegan kulturan domon, kiu fariĝos bazo por ilia larĝa kaj riĉa kultura vivo kaj plene kontribuos al disvolvo de ilia artkreado.

Pov. MěstNV 213-VÁ-61 Grafia Jihlava Q-07*21026